# Pri la lingva nivelo de IF

Meti manon en la faŭkon de leono estas danĝera afero. Ankaŭ pri IF 1997.3 ni ricevis kelkajn rimarkojn.

La deziro de inĝ. Sekereŝ nomi nivelpasejan gardistodometon **voktodometo** vokis la kontraŭdiron, ke **vokto** laŭ PIV estas kontrolisto, supera gardisto, do supozeble ne tiu, kiu priservas la barierojn.

La esprimo **tren-lokomotivo** (paĝo 41 unua kolumno, 2a alineo) verŝajne devus esti simple **lokomotivo**, ĉar nenio en la teksto indikas pri trakcio kun antaŭlokomotivo (FT 5426) aŭ pri puŝlokomotivo (FT 5226).

**Vagonejo** (en la sama alineo) estas nepreciza esprimo, kaj ni ne scias, ĉu temas pri vagonriparejo (FT 524) aŭ vagonfabriko.

Denove ni ne sufiĉe atentis pri la diferenco inter stacio kaj stacidomo. Sur paĝo 42, 2a kolumno, 3a plena alineo, la trajno de la aŭtoro 'haltas en sekvanta **stacio**'. Almenaŭ ni dubas, ĉu en la stacidomo!

Paĝo 44, artikolo 'Specialaj fervojaj biletoj' mencias 'edmonsonformatajn biletojn'. Kvankam ĉiu fervojisto verŝajne scias, ke temas pri 'kartona bileto (Edmonson-formata)' (FT 827), oni povas diri, ke la esprimo ne estas eleganta, ĉar siatempe s-ro Edmonson ja ne havis formaton de kartona (vetur)bileto.

eho

# Ŝanĝoj

## en 'Statuto kaj regularoj'

En la 49a IFK la komitato akceptis la du kongresproponojn. Tial ni petas vin korekti en *STATUTO kaj regularoj* (eldono majo 1994) tiel:

**Paĝo 7, ĉapitro III. KOMITATO, § 12, Konsisto kaj elektoj. Ĝenerala Regularo § 12, Al 1) a)**. Bonvolu ŝanĝi la nunan tekston per jena:

'La minimuma nombro de asociaj membroj, rajtiganta havi komitatanon, estas 15. Landa asocio kun 15 ĝis 100 membroj delegas unu komitatanon kaj unu plian por ĉiu komencita cent, maksimume ses komitatanojn.'

**Paĝo 10, ĉapitro IV. ESTRARO, § 18 Elektoj. Ĝenerala Regularo § 18 e)**. Bonvolu ŝanĝi la unuan frazon tiel:

'La kandidato(j) devas esti aktiva(j) aŭ emerita(j) fervojisto(j) kaj havu spertojn en la federacia laboro.'

IFEF-estraro

---

**Frontpaĝo:** Post 20jara regado kiel ĉefkomitatano Lucien De Sutter (BE) forlasis tiun postenon. Nova ĉefkomitatano estas Jean Ripoche (FR), kiu ĉi tie ridetas al la legantoj de IF.

---

# Enhavo

# Iom pri la 49a IFK en Slovakio

La 49a IFK okazis en la orientslovaka urbo Košice dum la tagoj 10a ĝis 16a de majo 1997. La oficiala nombro de kongresanoj estas 194 el 21 landoj, kiu nombro estas la plej malalta depost la unua IFEF-kongreso en 1949, kiam partoprenis 149 kongresanoj. Sed tiuj, kiuj partoprenis, travivis vere sukcesplenan, bone organizitan kongreson, dum kiu tre varma vetero regis ekde la dua tago ĝis la fino de la kongreso.

Jen ni faru resumon pri diversaj programeroj de la kongreso (pri kunvenoj kaj prelegoj bonvolu legi aliloke en ĉi tiu kaj venonta(j) numero(j) de IF).

Dum la tuta sabato alvenis trajnoj kun kongresanoj, kiuj per laŭtparolilo esperantlingve estis bonvenigitaj al la kongresurbo. Akceptejo funkciis bonorde en la stacidomo. La unusola programo sabate estis la *Interkona Vespero*. Ĝi okazis, kiel preskaŭ ĉiuj aliaj programeroj, en hotelo *Slovan*, kie la plej multaj kongresanoj loĝis.

**Dimanĉe 10.05**

Matene kolektiĝis ĉirkaŭ 100 matenfreŝaj homoj en salono en Domo de Arto por ĉeesti ekumenan diservon sen pastro kaj sen orgeno, sed tamen digna komenco de la 49a IFK.

**Solena malfermo** okazis ankaŭ en Domo de Arto. En la nomo de Fervojoj de Slovaka Respubliko salutis la kongreson en nacia lingvo s-ro inĝ. Ladislav Olexa, direktoro de Divizio de Persontrafiko Košice, kaj en la nomo de la slovaka asocio de FISAIC salutis – ankaŭ nacilingve – s-ro inĝ. Ján Žaĉko.

Sekvis salutvortoj en perfekta Esperanto de la reprezentanto de FISAIC, nome ties kasisto Jacob Tschanz, kiu komencis sian saluton per jenaj vortoj:

"'Lingvo interligas la mondon', diras citaĵo, 'dum regas diskutado, armiloj silentas', asertas alia. Sed, kiel homoj diskutu, se ili parolas diversajn gepatrajn lingvojn?

Vi ĉiuj, gesinjoroj, posedas unuigan kulturan valoraĵon – la komunan lingvon Esperanto. Nenio pli bone pruvas tion, ol tiu ĉi via kongreso ĝuste en lando, kies lingvon la plimulto tute ne regas. Vi ja venis ĉi tien el plej diversaj landoj por denove renkonti geamikojn kaj konatojn, por babili kaj revivigi komunajn travivaĵojn. Sed ne nur tio – vi partoprenos altnivelajn prelegojn, fakajn diskutojn ktp."

Post la salutvortoj sekvis orgenmuzika programero. Jen salutoj de reprezentantoj de la landaj asocioj: Ernst Quietensky (AT), Lucien De Sutter (BE), Vesselka Kamburova (BG), Jindřich Tomíšek (CZ), Henning Olsen (DK), Jean Ripoche (FR), Joachim Giessner (DE), José Iven Mas (ES), József Halász (HU), Gaetano Gubbioli (IT), Gvozden Sredić (YU), Marica Brletić (HR), Jan Bultman (NL), Rolf Bergh (NO), Mihai Stefan (RO), Jovan Mirković (SI) kaj por la gastlando Magdaléna Feifičová. Laste salutis Sergej Pahomov, Rusio, kiu estas individua membro de IFEF. Por la unua fojo, sed esipereble ne lasta, ruso oficiale salutis IFEF-kongreson.

IFEF-prezidanto Per Engen en sia malferma parolo post dankvortoj al la slovaka landa asocio kaj al LKK diris i.a.:

"Mi esperas, ke la aranĝo donos al nia faka movado en Slovakio iom da progreso kaj gajno. Niaj kongresoj ĝenerale vekas tiom da pozitiva atento kaj intereso en la lando, kie ili okazas, ke venas al la landa asocio novaj adeptoj kaj membroj. Estu tio ankaŭ la rezulto en Košice kaj Slovakio. ...

Troviĝas lumpunktoj. Plej pozitiva kaj promesplena estas la intereso por Esperanto inter la reprezentantoj en la Eŭropa Parlamento. Ili konstante spertas, ke ekzistas grandaj lingvaj problemoj , kaj kelkaj el ili opinias, ke Esperanto povas esti la solvo....

Pli kaj pli da junuloj en ĉiuj landoj ricevas instruadon en unu aŭ pluraj fremdaj lingvoj, plej ofte la angla. Tio kaŭzas, ke ili kredas ke Esperanto por ili ne estas necesa aŭ eĉ utila. Sed se oni esploras la lingvan nivelon de ili, estas evidente, ke ĝi estas sufiĉe malalta, kaj

ke ilia kapablo paroli kun eksterlandanoj ofte estas mizera....

Dum la lastaj jaroj ni povas montri al du vere gravaj rezultoj, nome al la akcepto de Esperanto kiel tria laborlingvo de FISAIC kaj al la enkonduko de Esperanto kiel oficiala lingvo en RailLexic. Nun ni povas noti novan, vere grandan atingaĵon. Nia vicprezidanto István Gulyás sukcesis igi la Hungarajn Ŝtatfervojojn (MÁV) presi la fakvortarojn en ambaŭ direktoj (ekzemple Esperanto-franca/franca-Esperanto), de ĉiuj 13 lingvoj, kiuj nun troviĝas en la CD-ROM de UIC. Por tio li vere meritas nian laŭdon kaj aplaŭdon...

Ĉe ĉiuj fervojentreprenoj daŭre okazas ŝanĝoj. Privatigo, reorganizado, fermo de stacioj kaj tutaj linioj, transiro al aŭtomataj instalaĵoj kaj sistemoj, konstante malaltigas la nombron de deĵorantoj ĉe la fervojoj en ĉiuj landoj. Tio forte limigas la eblecon varbi novajn membrojn al niaj asocioj.... Ni simple devas varbi membrojn por transvivi. Tial mia admono, mia petego al ĉiuj landaj asocioj estas: laboru konstante kaj persiste por altiri novajn membrojn.... Mi estas optimisto, ĉar mi fidas je la estraroj kaj je la opaj membroj de niaj asocioj."... "Dum la venontaj tagoj, ni diskutos tiajn problemojn. Mi petas vin ĉiujn, partoprenu la debaton, prezentu ideojn kaj proponojn. Montru, ke nia federacio havas estontecon."

Vespere okazis komuna vespermanĝado de tradiciaj slovakaj manĝaĵoj kaj poste internacia balo per tre agrabla orkestra muziko, kiu ebligis ankaŭ interparolon.

**Lunde 12.05**

Posttagmeze la ĉefurbestro de Košice akceptis la IFEF-estraron kaj reprezentanton de ĉiu landa asocio de IFEF. Vespere la Slovaka Kamera Orkestro de Bohdan Warchal prezentis klasikan kaj klasikstilan muzikon pere de dek du elstaraj arĉmuzikistoj. Vere vespera programo en alta nivelo.

**Marde 13.05** la kongresanoj dum tuttaga ekskurso vizitis la banlokon Bardejovské Kúpele kaj la urbon Bardejov. En Bardejovské Kúpele ni trarigardis subĉielan muzeon – skanzenon kaj muzeon. En la skazeno ni havis la eblecon aŭdi pri la vivo kaj vivkutimoj kaj tuttagaj laboroj en la pasinteco. Ni ankaŭ trarigardis domojn, bienkonstruaĵojn, en kiuj antaŭe vivis niaj antaŭuloj. (El *Kongresa Kuriero n-ro 2*).

**Merkrede 14.05**

Pri la plenkunsido legu la protokolon, kiu aperos en venonta numero. Ĉi tie ni menciu nur, ke la IFEF-prezidanto Per Engen ekster la plenkunsida tagordo nomumis du novajn honorajn membrojn, nome Lucien De Sutter (BG) kaj Gvozden Sredić (YU) (legu pri tio aliloke en ĉi tiu n-ro de IF). Lucien De Sutter post 20 jaroj kiel ĉefkomitatano retiris sin, kaj kiel nova ĉefkomitatano elektiĝis Jean Ripoche (FR). Hubert Peyrouty (FR) elektiĝis nova IFES-komisiito.

Posttagmeze duontaga ekskurso gvidis nin al Košicea infana fervojeto kun ŝpuro 1000 mm kaj longeco 4,2 km. Konstruis ĝin junaj homoj el fervojistaj metilernejoj kaj junaj fervojistoj.



Ekskursantoj vojaĝas per la infana vapora fervojeto

Vespere okazis koncerto, kie Kateřina Kudlíková (sopranino) kaj Miroslav Smyčka (baritono) plenumis grandan programon per kantoj pure en Esperanto.

**Ĵaŭde 15.05** vespere estis dediĉita al nacia vespero kun la folklora ensemblo Železiar.

Tre elstara okazaĵo.



La folklora ensemblo



Transdono de la IFEF-flago

**Vendrede 16.05** la IFEF-prezidanto fermis la kongreson, kaj poste la LKK-prezidanto Magdaléna Feifičová transdonis la IFEF-flagon al la dana LKK-prezidanto de la 50a IFK Henning Hauge.

Menciinde estas, ke dum la kongreso aperis tri numeroj de *Kongresa Kuriero*, kiun bone redaktis la redaktoro de *Esperantisto Slovaka* s-ro Stano Marĉek. Menciindas ankaŭ la 64paĝa kongreslibro, kiu enhavas multajn valorajn informojn.

Fine ni deziras danki al la trikapa ina LKK, kiuj kun helpantoj faris grandegan laboron, kies rezulto estas bona kaj sukcesplena kongreso. Dankon!

Ĝis revido en Aalborg, Danio, al la 50a IFK en 1998.

(Ĉiujn fotojn faris Karen Olsen)

* * *

## Bela postkongreso en Altaj Tatroj

Areto de 17 personoj el 5 landoj – partoprenintoj de la 49a IFK – kolektiĝis sabaton, la 17.5. matene por komune vojaĝi al Tatranska Lomnica ĉe la piedo de Altaj Tatroj. Per aŭtobuso ni forlasis la kongresurbon en okcidentan direkton. Post kelktempa veturado ni atingis Spiŝske Hrad, la plej grandan mezepokan burgon en Slovakio. Post vizito de tiu impona kastelo sekvis restado en Levoĉa, kie ni povis admiri la belegan preĝejon, en kiu troviĝas la plej alta gotika altaro en Eŭropo, pli ol 18 metrojn. Vespere ni alvenis al nia hotelo, kie fajra muziko akompanis la unuan vespermanĝon kaj diversaj trinkaĵoj, i.a. 'rumo kun teo' zorgis por bonega etoso.

Pentekostan dimanĉon ni povis ĝui la unuan ekskurson per aŭtobuso sudokcidenten al Malalta Tatro. Denove belega vetero favoris la tagon. Trans montojn kaj valojn kun ĉarmaj vilaĝoj ni atingis la vilaĝon Hronec, de kie ni en senfenestra bufeda vagono veturis 8 km longan itineron per veterana etŝpura trajno trakciita per triaksa centjaraĝa vaporlokomotivo. La direktoro de tiu ankoraŭ funkcianta arbara fervojo kaj la estro de la fervoja divizio en Koŝice akompanis nin. Post la veturado ni havis okazon vidi tipan montaran vilaĝon kun lignaj domoj kaj la vivon de arbaristoj kun ilia bestaro.

La venontan tagon ni veturis per la speciala *Tatra Tramo*, kiu laŭvere estas etŝpura fervojo kun belegaj puraj motortrajnoj, ĝis stacio, de kie ni grimpis alten pli ol 300 metrojn al montara lago. Tie ni vizitis unikan simbolan

tombejon, kiu memorigas pri centoj da montgrimpintoj, kiuj akcidentiĝis en la montaro. Iliaj korpoj estas entombigitaj en la hejmlandoj. Fulmotondra pluvo iom ĝenis la migradon reen.

La programo de mardo antaŭvidis veturadon per gondolo al la plej alta pinto de la Tatroj, Lomnicky ŝtit (2632m). Malboniĝanta vetero ja permesis imponan superrigardon trans la pinta maro de la Tatroj, sed la fama panoramo al la suda ebenaĵo estis malklara. Sed ni havis la bonŝancon, ke ni rajtis de interne rigardi la observatorion kun ĝia grandega duobla teleskopo.

Merkredo komenciĝis per fulmotondro kaj pluvo, kiu daŭris la tutan tagon. Tamen ni veturis laŭplane al *Ruĝa Monaĥejo* (Červeny Klaŝtor), nun turistloko apud la rivero Dunajec, kiu tie estas limo inter Slovakio kaj Pollando. Spite al la pluvo kuraĝuloj el nia grupo naĝis dum du horoj per floso sur la rivero tra admirinda pejzaĝo ĝis la punkto, kie ĝi enfluas al Pollando. Estis vere agrable, poste tagmanĝi en varma restoracio. Dum la posttagmeza reveturado ni havis okazon viziti interesegan muzeon pri malnovaj optikaj kaj fotografaj objektoj, multaj el la antaŭa jarcento.

Sekvis ĵaŭdo, denove kun pluvo kaj malalta temperaturo. La kuraĝa grupeto grimpis tra vasta arbaro 450 m pli alten al montara gastejo Bilikova Chata. Kiel rekompenson ni survoje povis admiri gigantan akvofalon, bone nutritan per pluvo kaj degelita neĝo. La aliaj veturis per fervojo kaj funikularo.

Venis la lasta tago de tiu bela postkongreso. Per aŭtobuso ni veturis orienten al Stara Lubovna, kie ni sen pluvo vizitis belegan kaj instruan subĉielan muzeon kun origine el slovakaj vilaĝoj transkonstruitaj domoj kaj preĝejo. Poste ni povis trarigardi la apudan burgon kun multaj interesaĵoj. Post reveno jam venis la lasta festa vespermanĝo, denove kun konvena muziko kaj bona humoro. Finiĝis belaj tagoj, kiel ili povas okazi nur helpe de tiu komuna lingvo Esperanto kaj danke al la sindonema preparado kaj daŭra ĝentila helpemo de LKK-prezidantino M. Feifičová kaj ŝia agema kasistino A. Hlavatá.

Jogi

# 39a IFES en Maribor, Slovenio

La 39a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno okazos **07.02-14.02 1998** en hotelo Bellevue en Porhorje montaro rande de la urbo Maribor, Slovenio.

Pli ol 80 km da bone preparitaj skiterenoj kun telfero, seĝoliftoj kaj trenliftoj atendas vin. Aparta ĝuo estas nokta skiado sur t.n. neĝstadiono, lumigita en longeco de kvar km (de 17a ĝis 21a horo). Bonaj kondiĉoj por longdistanca kurado sur preparitaj vojoj. Neskiantoj havos bonajn eblecojn promeni aŭ bani sin en proksimaj termoj.

**Aliĝkotizo:** 40 DEM, por ekssocialismaj landoj: 15 DEM.

**Hotelprezoj (tago/persono):**

| | |
|---|---|
| ĉambro kun banejo kaj necesejo: | 50 DEM |
| ĉambro kun lavejo: | 44 DEM |

La prezoj validas por tranokto, maten- kaj vespermanĝoj.

Petu aliĝilon kaj pliajn informojn ĉe
**Fervojista Esperanto Societo**
**pf. 825, SI-2001 Maribor (Slovenio)**
tel +386-62-417 822, fakso +386-62-25522.

# Forpaso

Multjara membro de Brita Asocio Esperantistoj Fervojistoj kaj de IFEF **Peter Harvey** mortis la 5an de marto 1997 82jara. Li estis unu el la fondintoj de la Glasgova Fervojista Esperanto-klubo kaj estis ĝia unua sekretario. Kune kun sia edzino Peter Harvey partoprenis en multaj IFEF-kongresoj, kaj li helpis pri la organizo de la IFEF-kongresoj okazintaj en Britio.

Li ripozu en paco.

IFEF

# Du honorigoj dum la 49a IFK

Dum la kongresa plenkunsido merkrede 14.05 IFEF-prezidanto Per Engen ekster la tagordo nomumis do novajn honorajn membrojn, nome Lucien De Sutter, (BE), kiu post 20 jaroj kiel ĉefkomitatano retiris sin de tiu posteno, kaj Gvozden Sredić (YU). (Fotoj: Karen Olsen).



**Lucien De Sutter**
naskiĝis en 1924 en Flandrio. En 1942, post la gimnazio, li eklaboris ĉe la belgaj fervojoj ĝis kiam li emeritiĝis en 1985 kiel Honora Staciestro.

En 1991, li fariĝis Kavaliro de la Krona Ordeno (ŝtathonorigo).

Li esperantistiĝis en 1964 tuj post la 16a IFK en Bruselo, kaj jam en 1966 li eniris la BEFA-estraron, kies prezidanto kaj komitatano li fariĝis en 1971.

En 1977 dum la 29a IFK en Swanwick (GB) li estis elektita ĉefkomitatano, kiun funkcion li nun post 20 jaroj ĉesigas. Kiel ĉefkomitatano li kiel gasto partoprenis 39 IFEF-estrarkunvenojn.

De post la 22a IFK en Rimini (IT) li partoprenis ĉiujn IFK-ojn, multajn UEA-kongresojn kaj jarkunvenojn de landaj asocioj.

Kiel BEFA-prezidanto li eniris la nacian union de FISAIC, kaj li ofte reprezentis la belgajn fervojojn en la ĝeneralaj asembleoj de FISAIC. Li ege plibonigis la rilatojn inter la nacia FISAIC-unuiĝo kaj BEFA.



**Gvozden Sredić**
naskiĝis en 1935 en okcidenta Serbio. Post la fervoja trafiklernejo li fariĝis magistro pri internacia trafika ekonomio kaj estis multjara funkciulo en la ĝenerala direkcio de Jugoslaviaj Fervojoj.

Li publikigis kelkajn fakajn librojn (kun resumo en Esperanto), plurajn broŝurojn kaj sennombrajn artikolojn en fervojfaka kaj alia gazetaro. Krome li verkis originalajn poemojn en serba lingvo kaj Esperanto.

Sredić esperantistiĝis en 1952, kaj en la Esperanto-movado li plenumis plurajn gvidfunkciojn: ĝenerala sekretario de Bosnia Esperanto-Ligo, multjara prezidanto de JAFE, prezidanto de Jugoslavia Esperanto-Ligo, vicprezidanto de IFEF, kunorganizanto de IFEF-kongresoj en Maribor kaj Skopje, redaktoro de *Jugoslavia Fervojisto* dum pluraj jaroj ktp. Li tradukis CIM kaj COTIF al Esperanto kaj estis ĉeftradukanto de la serba fervoja terminaro. Li estas komitatano de IFEF kaj membro de ties Terminara Komisiono.

Ni kore gratulas al la du novaj Honoraj Membroj de IFEF.

# Faka komisiono

## Raporto pri la faka agado de IFEF ekde la 48a IFK

Ekde la lastokaza kongreso la faka agado de nia federacio daŭris.

Sur la tereno de **terminara laboro** dum la someraj monatoj okazis gravaj eventoj. Ni havis tre grandan taskon kaj malmulte da tempo. UIC planis aperigi la duan eldonon de CD-ROM, por kiu ni devis transdoni la E-tradukon.

S-ro Hoffmann korektis la tutan kvanton de nia terminaro, kio estis tre granda laboro. El la tuta kvanto pli ol 900 fakesprimoj estis tute novaj, kiujn ni ne povis revizii laŭ nia labormetodo. Dum la kongresa terminara kunsido ni konsentis pri tio, ke ĉi tiun kvanton ni finkontrolos ĝis la apero de la tria eldono, laŭeble kune kun tiuj novaj fakesprimoj, kiujn UIC aldonos por la nova eldono. La limdato, kiun ni ricevis, unue estis la 8a de julio, kiun poste oni plilongigis ĝis la 8a de aŭgusto.

En la lasta momento aperis neatendita problemo. Nia traduko pretiĝis laŭ la germana versio. Kelkaj UIC-kodnumeroj en la germana versio diferencis de la franca kaj angla versioj. Komparante la diversajn versiojn la rezulto estis, ke oni devis modifi la germanan, kaj laŭ tio ankaŭ la E-versiojn al la franca. Finfine post la lastminutaj streĉiĝoj ni transdonis nian tradukon al reprezentanto de MÁV la 29an de julio plenumante tiel la limdaton.

La dua eldono de CD-ROM aperis fine de la pasinta jaro, kaj ĝi enhavas ankaŭ E-version.

Dum okaze de la unua eldono ĉi tiu fakto estis novaĵo kaj ĝojo, nun okaze de la dua eldono tio jam estis evidenta, preskaŭ deviga afero por ni. En la unua okazo ni estis fieraj, nun ni jam sentis la pezon de nia respondeco.

Post la kontrolado de nia terminaro ni pensis, ke la unuan ni ne devis ŝanĝi en la estonto. La unua parto jam estis reviziita plurfoje. Estas grava vidpunkto, se ni volas, ke la uzantoj de nia terminaro rigardu ĝin fidinda kaj serioza helpilo, ni ne povas modifi, ŝanĝi de tempo al tempo saman fakesprimon laŭ plaĉoj de kelkaj kolegoj.

Pri kio ni povas, eĉ devas, diskuti, estas tiuj fakesprimoj, kiuj venis en nian terminaron dum la lastaj du jaroj. La ĝeneralaj spertoj de la dua eldono montras tion, ke en la estonto ni tamen devos okupiĝi pri la tuta kvanto de nia terminaro.

En la dua eldono UIC modifis pli ol 800 fakesprimojn. La kaŭzo estis, ke troviĝis diferencoj inter la signifoj de diverslingvaj fakesprimoj apartenantaj al samaj UIC-kodoj. Ĉi tiuj modifoj kaŭzas, ke ni devas denove revizii la tutan kvanton de nia terminaro.

La alia sperto estas, ke nia traduka laboro ne povas fundamentiĝi je unu lingvo. Por nia fidinda traduka laboro, ni bezonas pli grandan helpon de niaj francaj kolegoj. Bedaŭrinde ni ne povas kalkuli je la helpo de anglaj fakuloj. Estus grava helpo la pli aktiva agado de tiuj kolegoj, kiuj bone konas la anglan lingvon.

Ĉi-jare ni ne ricevis novan taskon por CD-ROM. Tamen nia terminara sekcio ne restis sen laboro. Kiel en Hago ni decidis, ni okupiĝis pri fervojfakaj esprimoj de PIV. La plimulto de niaj landaj sekcioj plenumis siajn taskojn kaj pretigis la proponojn.

Ni pensis, ke ni finos nian PIV-laboron ĝis fino de januaro, kaj poste ni denove okupiĝos pri fakesprimoj de CD-ROM. Tamen, pri kelkaj difinoj evoluis faka diskuto, kiun ni ne kapablis fini ĝis nun. Tiel ni uzis pli longan tempon por tiu laboro, ol ni intencis.

Pri la terminara afero mi mencias, ke laŭ la kontrakto, kiu ekzistas inter UIC kaj MÁV la presitajn terminarojn eldonas MÁV. En la kadro de tiu agado aperis serio de esperantlingvaj vortaroj. Espereble ili plifaciligos nian revizion. Aliparte ni povas konstati, ke la aperigo de tiuj vortaroj solvis la problemon de nacilingvaj vortaroj por tiuj lingvoj, kiuj troviĝas en la 15lingva UIC-terminaro (CD-ROM 2).

Pri la tereno de **faka aplikado** mi povas mencii, ke okaze de nia 49a kongreso aperis la sesa numero de Fervojfakaj Kajeroj. Al nia sekretario alvenis sufiĉe da fakaj artikoloj.

La ĉefan fakprelegon prezentos Magdaléna

Feifičová, kaj espereble ni aŭdos interesajn aktualaĵojn.

Mi tre dankas la entuziasman fakan laboron de tiuj kolegoj, kiuj de jaro al jaro ricigas nian fakan agadon.

Kiel mi jam pasintjare menciis post nia kongreso aperis la 100a numero de TeKu. Mi pensas, ke s-ro D. Hartig meritas nian dankon pro lia multjara terminara laboro precipe pro lia redaktora agado. Mi deziras al li bonan sanon, lia agado por ni estas tre utila, kiun ni bezonas ankaŭ en la estonto.

Mi volas informi vin pri interesaĵo, kiu kvankam ne estis granda tasko, tamen havas gravecon. Iu franca fraŭlino petis nian helpon. Ŝi estas lingvisto al kiu ni sendis diversajn fakajn materialojn. Ŝi intencis uzi ilin por sia universitata disertacio. La titolo de la disertacio estas *Esperanto: solvo al la problemoj de terminologoj kaj tradukistoj*. Por mi estas granda ĝojo ĉi tiu afero, ĉar atestas, ke nia faka agado atingis prestiĝon ankaŭ sur aliaj sciencaj terenoj.

Niaj plej gravaj taskoj estas:

- dum la kongreso fini la diskuton pri la solvendaj demandoj kaj transdoni niajn proponojn al redaktoro de PIV,
- daŭrigi la reviziadon de E-teksto de CD-ROM. Ni devas kapti la okazon, ke UIC ne donis novajn taskojn por ni. Laŭeble ni devas certigi la kondiĉojn de nia trankvila faka laboro por nia tria eldono,
- se ni havus sufiĉe da laborkapablo, por tiuj kolegoj, kiuj uzas la germanan lingvon estus solvenda tasko la traduko de tiuj difinoj, kiujn ni disdonis en Hago. Ĉi tiujn difinojn kompilis UIC, kaj ilia E-traduko bone povus helpi la reviziadon de la menciitaj preskaŭ 900 novaj fakesprimoj,
- serĉi novajn fakulojn kaj altiri ilin en nian fakan laboron.

Halász Jozsef

## Raporto pri la agado de Fake Aplika Sekcio en la periodo 1996/97.

**1. Internaj aferoj**

Dum la pasintjara IFK anstataŭis min dum la kunsidoj de Fake Aplika Sekcio k-go inĝ. Polák. Mi sincere dankas al li por lia afableco kaj perfekteco kun kiu li preparis raporton pri la agado dum la kunsidoj.

**2. Fervojfakaj kajeroj**

Ĉijare estas preparitaj Fervojfakaj Kajeroj n-ro 6. En la eldono troviĝas sekvantaj artikoloj:

| | |
|---|---|
| J. Giessner: | Novaĵoj pri la eŭropaj grandrapidaj linioj |
| G. Sredić: | Amasa konstruado de fervojaj tuneloj |
| E. Glättli: | Aŭdaca anstataŭigi de du unutrakaj fervojpontoj el fero per dutraka arka betonponto |
| Teamo de DEFA: | Fervoja tunelo sub Granda Belto |
| J. Halász: | Fortoj, efikantaj al fervoja surkonstruaĵo. |

Ankaŭ ĉijare apartenas speciala danko al s-ino Hauge kaj kolegoj Olsen kaj Werner.

**3. Ĉijara fakprogramo**

Dum la ĉijara kongreso estos prezentita ĉefa fakprelego pri Slovakaj Fervojoj prezentita de inĝ. Magdaléna Feifičová. Krom tio estas preparita aldona prelego de J. Giessner kun la temo Historio kaj evoluo de la fervojaj horarlibroj. La prelego profunde priskribas la temon tuŝitan dum la lasta kongreso, sed el alia flanko.

Prelegoj por la plua programo estas jenaj:

| | |
|---|---|
| E. Glättli: | Rulantaj elektrocentraloj |
| H. Olsen: | BRUNEL-distingoj por DSB |
| J. Halász: | La plej nova hungara fervojlinio estas projektata |
| G. Sredić: | Grandrapidaj fervojaj linioj sur Balkano |
| L. Kovář: | Modernaj informsistemoj por vojaĝantoj. |

**4. Diversaĵoj**

Prelego dum la 82a UEA-kongreso: Inĝ. Gulyás prizorgos ĝustatempe.

06.05.1997 Kovář, L., sekretario

## Raporto de la sekretario de Terminara Sekcio pri la periodo inter 48a kaj 49a IFK

Komence de mia raporto mi volas memorigi vin, ke en julio 1996 aperis Terminara Kuriero n-ro 100. Tiu nia komunikilo nun vivas jam 21 jarojn. Ni komune danku al Heinz Dieter Hartig, kiu bedaŭrinde ne povas ĉeesti, pro la senlaca redaktora laboro kaj precipe pro siaj konataj spritaj desegnaĵoj ilustrantaj la tekstojn.

Koncerne niajn terminarajn kunlaborantojn ni tre bedaŭras, ke ne plu ekzistas bulgara kaj hispana grupoj. De Marti Güerro Cots ni ricevis leteron, ke la hispanaj kolegoj pro la cirkonstancoj ne plu povas kunlabori. De pli fora loko alvenis bona signalo: Kolego Hartig kontaktis per telefakso kun japanaj fervojistoj, kiuj interesiĝas pri terminara laboro. Ni esperu, ke tiu kontakto ne estis la unua kaj same la lasta, sed ke estiĝos fruktodona kunlaboro.

La plej interesa tasko en la pasintaj 12 monatoj estis PIV-revizio. Per tio ni pliboniĝas la terminologian bazon por nia plua laboro. Eniris multaj proponoj pri modifoj de nocioj, terminoj kaj dono de ekzemploj.

Pro la ne sufiĉe solvitaj problemoj sekvis paŭzo en la revizio de la lastaj 944 RailLexic-terminoj. Necesas mencii, ke ili tamen jam troviĝas en la datumbanko RailLexic – laŭla bazfolio. Per tiu ago ni ja povis plenumi la limdaton de UIC kaj certe gajni pli da reputacio ol pluraj fervojentreprenoj ne plenumintaj la limdaton.

Finante mian raporton mi volas danki pro la tre diligenta kunlaboro kaj esprimi esperon pri ties daŭrigo. Heinz Hoffmann

# Resumo de prelegoj dum la 49a IFK

**L. Kovař (CZ):**
**Modernaj informsistemoj por vojaĝantoj**

En la kontribuaĵo estas prezentita la evoluo de sistemoj por informado de vojaĝantoj kaj alveturantaj trajnkoneksoj.

Modernaj informsistemoj estas konstruataj surbaze de lumdiodoj aŭ elektromagnetaj dotelementoj. Krom tio estas jam uzataj aŭtomataj voĉsistemoj, kiuj aktuale informas vojaĝantojn pri trajntrafiko per akustika formo.

La firmaoj BDmikroVOX (CZ), ELEN (SK) kaj STARMON (CZ) liveras komune al ĉeĥaj kaj slovakaj fervojoj videblan kaj akustikan informsistemon sub merkatnomo HaVIS, kiu enhavas diversajn tipojn de informtabuloj uzataj laŭ lokaj kondiĉoj – alven/ekveturtabuloj, tabuloj destinitaj por subirejoj, kajoj ktp. Samtempe la sistemo enhavas aŭtomatan voĉinformadon.

La sistemo, dank' al sia moderneco ebligas prezenti al la publiko novajn funkciojn, kiuj ne estis eblaj ĉe malnovaj sistemoj – komunan datenbankon por akustika kaj videbla informado, aktualajn ŝanĝojn de unuopaj informoj, 'kurantan tekston' ktp.

**G. Sredić (YU):**
**Grandrapidaj fervojaj linioj sur Balkano**

La aŭtoro prezentas planojn kaj intencojn rilate grandrapidajn liniojn sur la teritorio de Balkan-duoninsulo. La celo de tiu strebado estas rapida kunligo de ĉefurboj kaj gravaj centroj inter si mem kaj kun mez- kaj okcidenta Eŭropo. Por ĉi tiu celo estos rekonstruitaj estantaj linioj, kiuj ebligos rapidon de 160 km/h kaj novkonstruitaj linioj kun antaŭvidita rapido de 220 km/h. Sur ĉi tiuj planoj kunlaboras preskaŭ ĉiuj landoj sur Balkano. La celo estas finkonstrui la reton ĉirkaŭ la jaro 2010.

Grava malhelpo por realigo de la projekto estas manko de financaj rimedoj. Sur ĉi tiu kampo estas necesa internacia investado, ĉar la koncernaj ekonomioj ne estas tiel fortaj, ke ili povu mem kovri necesajn elspezojn.

**E. Glättli (CH): Rulantaj elektrocentraloj**

Pligrandigo de ŝparoj de elektra energio estas la celo de Svisaj Federaciaj Fervojoj (SFF). Sian celon publikigis SFF en la agadprogramo ENERGIO 2000.

Unu el la ŝtupoj al tiu ĉi celo estas vasta

uzado de regenera bremso, kiu ebligas regajni elektran energion dum bremsado de trajno. Ĝin povas aliloke uzi lokomotivo, kiu veturigas trajnon supren. Ĉe du ekzemploj estas montritaj rezultoj de ŝparo de energio, kiu en unuopaj kazoj prezentas ĝis 39,8% de necesa energiokonsumo.

**J. Halász (HU): La plej nova hungara fervojlinio estas projektata**
En Hungario estas nun konstruata nova fervojlinio, kiu kunligos rekte Hungarion kun Slovenio. En la pasinteco ĉi tiu konekso jam ekzistis, sed en la sesdekaj jaroj parto de ĝi estis likvidita.

Aŭtune en la jaro 1997 komenciĝos laboroj pri konstruo de nova linio, kiu parte sekvos la malnovan liniodirekton. Ĝia longeco sur hungara teritorio estas 19,5 km. La nova linio estos oportuna por rapidoj ĝis 160 km/h. Dum la konstruo de la linio estos necese konstrui novajn viaduktojn kaj eĉ tunelon.

En la estonteco la nova linio fariĝos parto de grava fervoja kunligo inter Triesto kaj Moskvo trans Ljubljano, Budapeŝto, Kievo.
Laŭ materialoj de la aŭtoroj preparis L. Kovář

**Jan Niemann (DK): Brunel-distingoj al DSB**
Ekde 1985 ses fojojn Brunel-distingoj estas asignitaj pro bona fervoj-arkitekturo. En septembro 1996 la ceremonio okazis en Kopenhago, kaj el 11 distingoj kaj 29 honoraj mencioj Danaj Ŝtatfervojoj DSB ricevis 2 resp. 3.
La du distingojn DSB ricevis pro la novaj kopenhagaj enurbaj trajnoj kaj pro renovigita stacidomo, kaj la tri honorajn menciojn pro stacidoma enirejo, atendeja seĝo kaj montroŝildo.

**Jan Niemann (DK): Artistoj kaj fervojo**
Dum ĉ 20 jaroj DSB ĉiujare eldonas serion de ses afiŝoj cele al ornamo kaj reklamo. Diversmetiaj artistoj, ĉiam danoj, ricevas la taskon. Por 1997 Knud Odde, bibliotekisto, muzikanto kaj pentranto, devis krei serion de afiŝoj pri pasinteco, nuntempo kaj estonteco, po du en ĉiu kategorio.
Prezenton en Košice kaj resumojn de la danaj prelegoj faris eho

(Pri la ĉefa fakprelego legu en venonta n-ro).

# Koncize

Jen koncizaj novaĵoj el foiro en Hannover:

**Relesplortrajno**. Tiu nova trajno atingos 160 km/h survoje al la loko, kie ĝi laboros, kaj dum la mezurado ĝi havas rapidecon de 100 km/h. Sekve la trajno multe pli mallonge okupas la linion. Tiu ultrasona esplorado okazos elektronike. La rezultoj do tre rapide estas je dispono.

**Renovigtrajno** por elektra kontaktdrato kaj portkablo. Tia trajno rulvolvas la foruzitan draton sur bobenon kaj samtempe instalas la novan draton. Ne plu necesas postlaboroj.

**Reloj 120 metrojn longaj.** Per tiaj novaj laminatitaj reloj 120 m longaj la aŭstra ŝtalkoncerno Voest eĉ konkeris lokon en la konata "Guiness-libro" de rekordoj. Ĝis nun oni produktis nur 60 metrojn longajn relojn, kiuj poste estis kunvelditaj. Sed tiuj velditaj reljuntoj postulas pli da bontenado ol la reloj mem. Tiaj novaj reloj esence plialtigas la kvaliton de la trakoj. Jogi

# Japana rapido je 300 km/h

**La plej rapida en la mondo per Sinkansen modelo 500 "La Espero"**
La 22an de marto 1997 debutis nova modelo de Ŝinkansen "La Espero" (japane Nozomi) inter Ŝin-Osaka kaj Hakata. Kun pasaĝeroj ĝi traveturis la distancon en 2 h 17 min, kio estis komerca rapido de 242, 5 km/h. Momente ĝi jam atingis 300 km/h. La modelo havas serionumeron 500, kaj kompare kun modelo 300 ĝi havas 9 m pli longan 'nazon', nome 15 m, kaj proksimume 10 % malplia da interna areo. Ekde venonta aŭtuno ĝi veturos de kaj al Tokio.
(Laŭ Informilo de JELF n-ro 96 majo 1997)




# 50a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

**16a-22a de majo 1998 en Aalborg, Danio**

Adreso: 50a IFEF-Kongreso
Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev

Ĝirobankkonto: 1-659-1165 (bankkodo 1199)

## LKK-komuniko n-ro 1 pri 50a IFK

Ĉar la 1a, la 10a kaj la 25a IFK okazis en Danio, la komitato konfidis al Dana Esperantista Fervojista Asocio organizi ankaŭ la 50an IFK.

Ĝi okazos en nordjutlanda urbo **Aalborg**, kiun vi elparolu proksimume **Olbor**, kaj kiu estas la kvara plej granda urbo de Danio kun ĉ 160.000 enloĝantoj.

Kiel kongresejon ni elektis **Aalborg Kultur- & Kongrescenter** (vidu, kiel facile komprenebla estas la dana lingvo!), kiu situas ĉ 50 m de la stacidomo, kaj en promendistanco de 5-10 min. situas pluraj hoteloj.

Kongresinsigno simbolas per sia blua koloro, ke Danio estas lando de sundoj kaj beltoj, kiujn la danoj transveturas laŭ pontoj (kelkloke ankaŭ tra tuneloj). Alegorie la ponto simpolas Esperanton kiel pontlingvon.

Pri la kongresprogramo ni poste informos. Ĝi enhavos la jam kutimajn erojn, sed ĝin sekvos vizito en la Fervoja Muzeo en urbo Odense (naskiĝurbo de la fabelisto Andersen), eventuala vizito en ĵus inaŭgurita fervojprama muzeo en urbo Nyborg (apud Granda Belto), kaj pluveturo laŭ ponto kaj tunelo trans Grandan Belton al postkongresa aranĝo en Kopenhago kun laŭdezira unu-, du- aŭ trinokta restado. Notindas, ke la ponto-tunelo estas inaŭgurita de la dana reĝino la unuan de junio ĉijara!

Petu aliĝilon ĉe via landa asocio aŭ ĉe la konstanta LKK-adreso: 50a IFK, Banegårdspladsen 14, DK-9700 BRØNDERSLEV, Danio.

# La danĝerbremso pli ol centjara

La unuaj jaroj de la fervoja historio danĝerbremson tute ne konas. Dum iu tempo sufiĉis manbremso sur la lokomotivo, al kiu pli poste alvenis manbremsoj sur vagonoj priservataj per bremsistoj.

Bremson de lokomotivo patentis jam la fama Robert Stephenson en 1833. Naŭ jarojn poste alvenis al la konstruejo de la firmao Nasmith kaj May la unua vakua trajnbremso. La unua brita patento je premaerbremso devenas de Samuel Lister, kaj ĝi estas datita per 1847. Du jarojn pli frue eltrovis la bavara teknikisto Carl Exter kablobremson, pri kies evoluo kaj plia perfektigo precipe ĉe fervojaj administracioj en germanaj landoj meritis la konata Jakob Heberlein. Nue en 1869 George Westinghouse patentis trairan rekte funkciantan bremson, do tian, kian oni konas kaj uzas ĉe la plej multaj fervojoj, kaj kiu permesas aldoni kaj funkciigi danĝerbremsajn valvojn. En 1892 oni komencis provizi per necesbezona bremso rapidtrajnajn vagonojn en Svislando, kaj unu jaron poste oni jam parolis pri ĝia vasta instalo en plejmultaj vagonoj por pasaĝeroj. Oni do povas aserti, ke en 1993 oni povis soleni jam centjaran jubileon de ĝia praktika funkciado.

J.Tomíšek

# Niaj jarkunvenoj




**Jugoslavio**

Sabaton la 12an de aprilo 1997 okazis en Beograd 43a regula jarkunveno de Jugoslavia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj (JAFE). La kunvenon partoprenis preskaŭ cent membroj el pluraj fervojistaj Esperanto-societoj kaj kelkaj elstaraj gastoj. En la raporto pri la pasintjara laboro oni aparte emfazis la 40an jubileon de la bulteno *Jugoslavia Fervojisto* (kiu nun aperas en pli plaĉa kaj praktika formo) kaj la aktivecon sur fake aplika tereno: fakaj prelegoj en IFEF-kongresoj, partopreno en revizio de PIV el la vidpunkto de fervojo kaj terminologia laboro en la kadro de la projekto RailLex de la Internacia Fervoja Unio (UIC). En la nuna jaro oni planas aperigon de speciala kvinlingva terminaro pri kombinita trafiko (se la financaj rimedoj tion permesos). Planita estas ankaŭ partopreno en la Danuba forumo en Rumanio kun prelego pri la fervoja terminologio (G. Sredić).

Novan estraron de JAFE eniris jenaj membroj: Miodrag Dimitrijević (prezidanto), Dušica Jovanović (vicprezidanto), Venkica Veljković (sekretariino), Ljudevit Sekereš (terminara laboro) kaj Bojana Andrejević (organizaj demandoj). Magistro Gvozden Sredić estas proklamita honora prezidanto de JAFE.

G. Sredić

**Pollando**

La fervojista klubo *Verda Vojo* en Gdansko organizos la 19an ĝis la 21an de septembro 1997 la 14an Kongreson de Polaj Esperantistoj Fervojistoj en Gdansko. Poste – la 24an ĝis 28an de septembro 1997 – okazos ankaŭ Gdanska Esperanto Kongreso okaze de jarmilo de la urbo Gdansko kaj de la 40a datreveno de Landa Fervojista Sekcio de Pola Esperanto-Asocio.

En la tagoj 22.-23. septembro estos jarmila programo.

Mieczysław Pietrzykowski,
str. 3. Maja 25/31, PL-80-802 Gdańsk.

* * *

**Okazontaj:**

**Rumanio**

Rumana Esperanto Fervojista Asocio okazigos sian jarkunvenon je la 8a-10a de aŭgusto 1997 en la fama ripozejo VATRA-DORNEI.
Informojn kaj aliĝilojn bonvolu peti ĉe:

Rumana Esperanto Fervojista Asocio,
Str. Politechnicii Nr.1, Ro-2200 Brasov.

**Germanio**

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) kore invitas siajn eksterlandajn geamikojn al sia tradicia jarkunveno 10a-12a de oktobro 1997.
Aliĝiloj havebla ĉe GEFA-sekretario
Hans-Jürgen Riehn, Karlsbader Str. 89.
DE-08355 Rittersgrün.
Organizanto: Reinhard Stoll, Sudetenstr. 4, DE-91154 Roth.

## Internacia Amika Renkontiĝo de Hungaraj Fervojistaj Esperantistoj




Okaze de la 40a jubileo de la fondiĝo de la hungara Fervojista Esperanto-Movado kaj de la esperantlingva fakorgano *Hungara Fervojista Mondo* Hungara Fervojista Esperanto-Asocio organizas **Internacia Renkontiĝo**-n la 5-6an de julio 1997 en la urbo Nagymaros. Unu el la protektantoj de la renkontiĝo estos la urbestro de Nagymaros, kiu faros akcepton por la eksterlandaj delegitoj kaj por la asocia estraro.

Je la memoro de la renkontiĝo la partoprenantoj plantos memorarbon. En la urbo jam troviĝas memortabulo de pionira esperantisto József Takács, kaj unu el la montoj ĉirkaŭanta la urbon nomiĝas Esperanto, kaj de ties pinto troviĝas elvidturo nomita Zamenhof.

La solenan inaŭguron en la Urba Kulturdomo sekvos komuna vespermanĝo kaj balo.

Dimanĉe la partoprenantoj ekskursos per nostalgia trajno al urbeto Zebegény.

Restadkostoj: 2 noktoj 50 DEM
1 nokto kun tuta pensiono 35 DEM

Pli detalan informon donos
Ferenc Phersy, Hajló u. 11, H-1046 Budapest
tel: +36 1 180-66-31.

# Elektronika sekurinstalaĵo

### La plej moderna sekurinstalaĵo de Mez-Eŭropo en Tata



Perkomputila observado kaj regado

Post kelksemajna eksperimenta funkcio oni ekfunkciigis por uzado la 23an de marto 1997 elektronikan sekurinstalaĵon en la stacio Tata. Ĉi tiu stacio troviĝas sur la unua ĉeflinio de MÁV.

La instalaĵon produktis entrepreno Siemens kune kun multaj hungaraj kunlaborantoj. La investado de tri miliardoj da forintoj ebligas pliigi la rapidon de trajnoj kun pli alta sekura nivelo. La malnova instalaĵo – ankaŭ produktita de Siemens – funkciis dum 50 jaroj. Krom la sekurinstalaĵon oni rekonstruis la tutan stacion inkluzive ankaŭ la imponan stacidomon. Per la nova sekurinstalaĵo oni povas kontroli, direkti 17 trakforkojn, 39 signalilojn kaj 3 barierojn. La trajnekspedisto per ĝi povas observi 35 veturadojn, la moviĝojn de trajnoj sur la ekrano de komputilo. Laŭ la konstruantoj oni apenaŭ devas kalkuli pri misfunkciado. En la proksima estonto oni ekfunkciigos similajn sekurinstalaĵojn sur la ĉeflinio de MÁV.

KRISTÁLY Tibor

# Denove pri la urala fervojo

La artikolo de s-ro Vladimir Reŝetnikov en IF n-ro 1997.3, p. 45, **Urala ĉeffervojo**, vekis iom da atento. Du legantoj almenaŭ reagis kaj sendis pliajn informojn.



Unue s-ro Gvozden Sredić el Jugoslavio sendis foton, kiun li trovis en la ĉeĥa gazeto "ČD pro vas". Li opinias, kaj certe prave, ke temas pri la lokomotivo, kiu estas priskribita en la menciita artikolo. La subskribo sub la foto estas jena: "Urbo Kurgan – modelo de la unua lokomotivo en la mondo, konstruita sur Uralo".

La alia reago venas de s-ro Sergej Paĥamov, Rusio, kiu deziras aldoni jenon al la artikolo de s-ro Reŝetnikov:

Fine de la jaro 1834 en Sankt Peterburgo eksterlanda inĝeniero aperis, profesoro Franz Anton GERSTNER (aŭ laŭ enciklopedio: František Antonin GERSTNER), ĉeĥo laŭ deveno. Li vivis 1793-1840. Li proponis konstrui ferajn vojojn en Rusio. Vigla entreprenisto Gerstner ricevis aŭdiencon ĉe la rusa caro Nikolao la Ia kaj rakontis al la caro pri grandega valoro de fervojo por la lando kaj por la armeo, se necesas rapide transporti ĝin dum milita aŭ revolucia tempo.

La caro jam sciis pri sukcesa sperto de la brita registaro, kiu rapide transportis sian armeon laŭ la linio Liverpolo-Manĉestro en Irlandon por sufoki ribelon.

En gazetoj naskiĝis polemiko, diskutoj pri neceso/malneceso de fervojoj. Tamen la caro permesis, kaj Gerstner organizis akcian societon, ekhavis monon kaj somere de 1836 komencis konstrui feran vojon. Solena malfermo de la linio S. Peterburgo-Cárskoje Selo (cara vilaĝo) okazis la 30an de oktobro 1837. Do, karaj legantoj, ĉi-aŭtune la rusiaj fervojoj festos sian 160jaran naskiĝtagon. La unua fervojo estis 25 verstojn longa aŭ 26,7 kilometrojn. Trajno el ok vagonoj kun la caro, lia familio kaj eskorto traveturis la vojon en 35 minutoj. La vagonoj estis ornamitaj per ŝtataj flagoj. En 1838 estis malfermita konstanta trafiko. En la jaro 1839 Gerstner forveturis eksterlanden. Necesas aldoni, ke la naskiĝtago de caro Nikolao la Ia estis ĉefa fervoja festo, kaj nur ekde 1936 la komunista reĝimo anoncis, ke de nun la ĉefa fervoja festo estos ĉiun unuan dimanĉon de aŭgusto ĉiujare, kaj tiel estas ĝis nun.

# Adresŝanĝoj

La prezidanto de NEFA (Norvega Esperantista Fervojista Asocio) s-ro **Rolf Bergh** transloĝiĝis. La nuna adreso estas:
Skogbrynet 33 b, NO-1709 Sarpsborg.

Ricevintoj de la IFEF-adresaro bonvolu korekti.



S-ro **Sergej Paĥomov** el Rusio informas, ke post reveno de la 49a IFK li ŝanĝis adreson. La nova adreso estas
Sergej Paĥomov,
a.ja. 1392,
610051 Kirov-51, Rusio.

Samtempe li petas ĉiujn skribi al si kaj eble sendi bildkartojn kaj poŝtmarkojn pri Esperanto.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1997.4
49a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
Erna Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso +45 98 80 15 99.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso 45 98 80 15 99.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Redaktofino** por la venonta IF, kiu aperos fine de aŭgusto: 10.08.1997.

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S
ISSN 1397-4270



# Fervoja antologio

Kadre de sia 50a jubilea kongreso, okazonta en la urbo Aalborg 16a-22a de majo 1998 IFEF alvokas ĉies kunlaboron cele al publikigo de eta antologio rilatanta al fervojo.

Povas temi pri

1. Originala verko, eventuale jam publikigita.
2. Traduko el kiu ajn lingvo, eventuale jam publikigita.

La longeco prefere ne preterpasu kvin paĝojn.

Se eble, la aŭtoroj sendu sian kontribuaĵon ankaŭ sur diskedo (programoj: WordPerfect por Windows, Winword aŭ en ASCII-formo.

Limdato: 31a de oktobro 1997.

La kontribuaĵon bonvolu sendi al la IFEF-sekretario:
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4, IT-40139 Bologna.

Se vi konas indan verkon aŭ verkeron laŭ la supre indikita longeco, kaj ne povas mem traduki, bonvolu same signali ĝin al la supra adreso.

Aparta komisiono selektos la verkojn laŭ literatura kaj faka niveloj.

Por tradukaĵoj bonvolu nepre aldoni la originalon kun ĉiuj bibliografiaj indikoj, kaj se la verko jam aperis, lokon kaj daton de la publikigo.

IFEF

# Alarmo

La gvidantaro de Hungaraj Ŝtatfervojoj (MÁV) kaj la Landa Policista Ĉefdirekcio subskribis protokolon pri kunlaboro.

Dum la pasintaj jaroj tre multiĝis la punindaj agoj kontraŭ la fervojo. Laŭ statistiko dum la pasinta jaro oni minacadis per bombatencoj 69foje sur la teritorio de MÁV. Ĉi tiuj bombatencoj kaŭzis dekmil minutajn malfruiĝojn al 60 trajnoj. Ĉijare dum la unua kvaronjaro jam 17foje okazis minacado. Alia problemo okazante grandan perdon por MÁV, estas ke oni ŝtelas la altvalorajn ŝarĝojn el la vagonoj. La gvidantaro decidis, ke estonte oni devas dediĉi pli grandan atenton al tiuj aferoj. La plej grava temo de la protokolo estas la atakoj kontraŭ pasaĝeroj kaj difektigoj de instalaĵoj. Sur la endanĝerigitaj trajnoj kaj linioj la policistoj pli aktivigos la patrolagadon, same sur la stacioj en la ĉefurbo, kaj sur la internaciaj trajnoj. Espereble pro tiu aranĝo ni pasaĝeroj povos veturi pli trankvile kaj alveni al la celita stacio je pli ĝusta tempo.

KRISTÁLY Tibor